# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

auto 13/07/2013 Cent dudekunu Eldono 13/07/2013 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;

Redaktoro Roger Springer Provlegita de Volo Gueltling

SENDATA AL 251 RETADRESOJ (Nicole vojaĝas ĝis 23 julio)

La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon ABC malnova

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon ABC nova

Estas via Esperanto-familio. Informu, Fotoj bonvenaj.

## Aŭskultu Retradion en Esperanto ĉiun tagon

### Informaj rakontetoj, Bona lingvo 5 minuta lertiga sperto

http://esperantareradio.blogspot.co.at/ 30 Junio 2013



### Sukcesa prezentado de teksto

La lingvo en kiu la teksto estas verkita, estas limiga faktoro, ĉar nur homoj kiuj komprenas tiun lingvon povas ankaŭ legi tiun tekston kaj kompreni ĝin. La kompreno de lingvo estas relativa, precipe se temas pri fremda lingvo. Kaj estas granda diferenco en kompreno ĉu teksto estas nur legebla aŭ ĉu eblas ankaŭ aŭdi ĝin. La parolata formo liveras gravajn kromajn informojn kiuj plifaciligas la komprenon. En parolado eblas ankoraŭ pli bone strukturigi la frazojn per variado de rapideco, de sonalteco, de laŭteco. La parolanto devas klare prononci, do devas observi la prononcregulojn de la koncerna lingvo. Kaj la parolanto devas havi agrablan voĉon por ne forpeli la aŭskultantojn. . (Malgranda eltiro el la bona reta programo)



# Mi ricevis aktualan informon de la sekvantaj kluboj..



## La Melburna Esperanto-Klubo

"La Melburna Esperanto-Societo havis sian lastan kunvenon je la 23a Junio antaŭ la vintra ferio. Ni rekomencos niajn kunvenojn je Lundo la 19an de Aŭgusto kaj esperas revidi ĉiujn je tiu dato."
Dankon Heather



## Torkio Esperanto-Kafo-Klubo, - Viktorio

Ni kunvenas je la unua sabato de ĉiu monato, Februaro ĝis Novembro 1.00ptm 03 5261 2899
torquayesperantocoffeeclub@gmail.com



## La Manlia Esperanto-Klubo.

kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm
Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo
Junaj vizitantoj ĝis 30 jaraj ricevas matenmanĝon (ĝis $15) Dankon al La "Rainer Kurz Stiftung zur Förderung des Esperanto" 6/07/13 Venis kvar Roger, Eŭnice. John, Chris

Sendu informon al mi pri viaj kunvenoj kaj via Esperanisto-familio ĝojos.

# AEA Informas

Aŭstralia Esperanto Asocio
ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

## 2012-06-04 - AEA raportas:

Nian lastan Skype estrarkunvenon (04/07/2013) ĉeestis Heather, Indrani, Kam Lee, Sandor.
(Margaret havis/as komputilajn problemojn) kaj Jonathan Cooper kaj Dmitry Lushnikov

## * Nova retejo

La ĉefa temo estis nia nova retejo. Ni multe dankas Jonathan, kiu zorgeme kaj atente trarigardis la tutan proponitan retejon kaj kompilis listojn da

indaj sanĝoj.
Ni tre esperas ke la nova retejo baldaŭ komencos sian vivon.

## * Venonta Kongreso – januaro 2014 en Kanbero

La preparado daŭriĝas. La tria instruisto estos Giles Thomson el Kanbero.
La flugfolio estas preskaŭ preta kaj Dmitry pretas helpi organizi lingvan festivalon ĉe ANU dum nia kongreso.
Se vi volas/povas/ŝatas helpi, kontaktu nin.

## * Invito de kantistoj en 2014

Dmitry proponas ke AEA invitu **Ĵomart kaj Nataŝa** (https://www.youtube.com/watch?v=Y-dpE_J6DDM) al la 2014-a Lingva Festivalo en Sidnejo.
Heather kaj Indrani renkontos ilin en Reykjaviko kaj raportos.
Bv diri al ni vian opinion.

## *Venonta kunveno

Ĉar Heather kaj Indrani forvojaĝis/os al la UK kaj aliaj aventuroj, nia venonta kunveno okazos nur la 15-an de aŭgusto 2014.

Heather, Indrani, Kam Lee, Sandor

# LETEROJ de la legantoj

Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena






## La Evoluo de Esperanto.



Pluraj Esperantistoj de tempo al tempo mencias, ke Esperanto devas evolui same kiel la etnaj lingvoj evoluas.

Mi demandas min kaj ilin, en kio do konsistas tiu evoluo? Evolui en si mem signifas nur ŝanĝiĝadon pro naturaj influoj kaj fortoj. Pliboniĝo ne necese estas inkluzivita, nek pligrandiĝo. Se oni studas la historion de la lingvoj, oni konstatas, ke la ŝanĝiĝoj estas bonaj kaj malbonaj, sed ĝenerale nek unu nek la alia. Ili estas neintencitaj, hazardaj, kapricaj, kaj tute ne necesaj. Nur relative malmultaj vortoj kaj esprimoj novaj aldoniĝas por novaj inventoj. La evoluo de la lingvoj estas KAJ la nenecesaj ŝanĝoj KAJ la kelkaj precipe teĥnikaj sed ankaŭ kulturaj antaŭe nekonataj.

Do ĉu la evoluo de Esperanto devas imiti la kapricajn nebezonatajn ŝanĝojn longtempajn de la etnaj lingvoj? Nepre ne! Korekti la kelkajn erarojn faritajn de

Zamenhof (kiu NE faras erarojn en tia genia laborego?) ne povas nomati evoluo.

El la lingva evoluado restas do nur la relative malmultaj aldonoj al Esperanto , kion oni povas nomi evoluo, se oni nepre volas.



Mia dua demando al mi mem kaj al vi estas , ĉu tiu evolueto, tiu aldono de novaj vortoj por novaj teĥnikaĵoj, devas vere esti sama al tiu por la etnaj lingvoj?

Mi ree respondas: “Tute ne!” Esperanto estas artefarita lingvo, necese, por esti pli bona ol la etnaj, kaj ĝia relative malgranda kreo de novaj vortoj devas same esti artefarita, t.e. sub la fiksitaj reguloj de la Esperanta vortfarado. Se tio ne okazus, la kapriceco komencus ĥaoson en la lingvo, kaj malaperus la klareco, la senescepteco, la logikeco, kaj la facillerneblo.

La artefariteco de KAJ la gramatiko KAJ la vortfarado de Esperanto ja baziĝas sur necese neŝanĝeblaj reguloj, i.a. tiu, ke oni kreas novajn vortojn, kiel oni kreis multegajn vortojn en la komenco, por novaj nocioj per la genia vortkunmetado, bazita sur senesceptaj aglutinaj reguloj, inkluzive de la derivado, kiu en Esperanto estas ankaŭ vortkunmetado pro la genia decido de Zamenhof, ke afiksoj estas sendependaj radikoj.

Ne estas bezono balastigi la lingvon per abomenindaj fremdaj neologismoj, kion faradas, ofte por jam ekzistantaj vortoj oficialaj, la mallaboremaj nekompetentaj verkistoj nomantaj sin Esperantistoj sed estantaj vere adeptoj de iu Basic Anglofrench.

Marcel Leereveld.

Jim Radford presis 1000 kopiojn de mia ŝlosilo. (12 Majo 13)
Nun li presas 2000 pliajn kopiojn. (Julio 2013)
Bona propagandilo. Uzita, uzata, uzota Uzu ĝin!

Hodiaŭ la paĝoj de la ‘Key’ estas kune sendita kun la AE.
Ĉi foje , mi ne forgesas.




Kiel uzis tiun libreton?.
Ĉiuj Esperantistoj povus disdoni ilin.
Ekzistas ĉirkaŭ 3600 biblotekoj en Aŭstralio.
Adresoj por la politikistoj ktp estas en la reto.
Kion vi opinias ? Skribu al mi. Roger Springer